# HAMBURG Esperanto



2/2007
Februaro/Marto
Bulteno de Hamburga
Esperanto Societo r. a.

## Vid-al-vide de la kongresejo




Panorama Inn nomiĝas la dua konstruaĵo, kie loĝos kongresanoj dum la Germana Esperanto-Kongreso ĉi-jare en Hamburg. Ĝi havas tri stelojn, do unu malpli ol la kongresejo. Tial la prezoj estas malpli altaj. Al la kongresejo oni nur devas iri trans la straton.

| | |
|---|---|
| **Editoraĵoj**<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 | **Karaj legantoj,**<br>La Germana Esperanto Kongreso, kiu okazos de 25a ĝis 28a de Majo 2007 en Hamburg, evidente estas tre |

30 65

Prezidanto: Jürgen Wulff

Redaktoro: Benno Klehr

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de Esperanto HAMBURG n-ro 3/2007: 15-03-2007

**Sentenco**

Vivo estas tio, kio okazas
dum vi diligente faras aliajn planojn.

*John Lennon*

alloge prezentita al la membroj de GEA
Jam komence de Januaro estis 90 aliĝoj; por tiu tempo vere nekutime alta nombro. Pli bone ol plendi estas aktivi laŭ siaj ebloj, uzante la disponeblajn rimedojn kaj kune kun aliaj eltrovi, kio eblas. Kvankam la fakto estas ĝojiga, ke ni ne devas timi fiaskon pro malintereso, ni nun devas fari novajn planojn, kiel zorgi pri la multaj homoj en sama kvalito. Tio signifas pli multan laboron por la organizantoj, do estas bezonataj pli da helpantoj, kaj pliajn kostojn pro la bezonataj pli grandaj salonoj.
Christian Darbellay kaj Jürgen Wulff jam nun laboregas por ebligi kontentigan kongreson. Ili meritas grandan dankon.

*Benno Klehr*

---

La Jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo okazos la 22an de Februaro 2007 je la 20a horo en la Esperanto-Domo

---

**Nia programo**

| Februaro | Marto |
| --- | --- |
| **1** *Ralph Glomp:*<br>**Ĉeĥov**<br><br>**8** *Rudi Haberland*<br>**Mediprotektado**<br><br>**15** *Pia Haasis:*<br>**Rodin**<br><br>**22 Jarĉefkunveno de Hamburga Esperan-to-Societo vidu sube** | **1 Bunta Vespero**<br>*bonvole kunportu manĝaĵojn!*<br><br>**8** sen speciala programo<br><br>**15** 18 h estrarkunsido<br>20 h Jürgen Wulff festas sian 44-jariĝon<br><br>**22** sen speciala programo<br><br>**29** sen speciala programo |
| **Nekrologo**<br><br>La 1an de Januaro 2007<br><br>**Wolfgang Löbel**<br><br>mortis en aĝo de 84 jaroj.<br>La sepulta ceremonio okazis la 12an de Januaro, kun ĉeesto de 9 mebroj de HES.<br><br>Adreso por kondolencoj:<br>Eva Löbel<br>Emekesweg 32<br>22391 Hamburg | **Einladung zur Jahres-hauptversammlung**<br><br>Die Jahreshauptversammlung des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. findet statt am 22. Februar 2007, Klaus-Groth-Straße 95, Beginn 20 Uhr.<br><br>Tagesordnung:<br><br>1. Jahres- und Kassenbericht<br>2. Bericht der Kassenprüfer<br>3. Diskussion zu TOP 1 u. 2<br>4. Entlastung des Vorstands<br>5. Jahres- und Haushaltsplanung<br>6. Verschiedenes<br><br>*der Vorstand* |

**Kreskanta urbo - ĉu por ĉiuj?**

Hamburg volas fariĝi internacie alloga metropolo. Bazo estas la koncepto de "kreskanta urbo". Sed ĉu ĉiuj profitas el tio?
En la haveno, proksime al la urbocentro estas konstruata nova kvartalo. La Jungfernstieg estis transformita al ŝika bulvardo. Post kelkaj jaroj internacia ĝarden-ekspozicio plibeligu la sudan urboparton. Kaj oni strebas al olimpikaj Ludoj.
Do la urbo kreskas. Hamburg volas avanci. Laŭ planoj de CDU ĝis 2015 Hamburg fariĝu la plej grava metropolo de norda Eŭropo.
La aliaj partioj prezentis siajn konceptojn: SPD homan urbon, Verduloj kreivan urbon kaj FDP liberan urbon.
Kiel funkcias la koncepto de kreskanta urbo? Oni volas allogi en- kaj eksterlandajn

homojn, per novaj laborlokoj en aviada industrio, vivo-sciencoj, komunikiloj kaj informa teknologio, komercado kun Ĉinio. Por tiuj homoj oni volas prezenti bonajn vivokondiĉojn, kulturon kaj naturon. Tial por junaj familioj ekzemple estu bonaj loĝejoj kaj infanprizorgado. En la havena urbo oni planas grandiozan koncertejon.
Sed ĉu la bonfaroj de la kreskanta urbo ankaŭ atingas la homojn ĉe la rando de la socio? Homojn kiuj ne trovas laboron? La senhejmulojn? Kiel ĉie, ankaŭ en Hamburg oni esperas, ke prospera ekonomio finfine utilos al ĉiuj. Pri tio aperas duboj: Grandaj entreprenoj klopodas ne pagi impostojn, kaj maldungas laborantojn, kvankam ili havas bonegajn profitojn. Estus vere necese, ke la plibonigoj ankaŭ atingu la suban tavolon. El la 1,7 milionoj da Hamburganoj meze de 2006 proksimume 250 000 vivis de ŝtata subteno Hartz IV, do pli ol unu jaron ne havas laboron. En kelkaj kvartaloj 25% de la enloĝantoj estas en tiu stato. Mankas pageblaj loĝejoj, kaj tio ne ŝanĝiĝos. Do en la kapoj de la politikistoj necesas ŝanĝoj. Ĝis nun ili nur sukcesis, forpeli la almozpetantojn el la urbocentro, por plibonigi la urban aspekton.
Pri la riĉuloj oni ne devas zorgi. La dek plej riĉaj Hamburganoj posedas 28,5 miliardojn da Eŭroj.
La urbogvidado de senhejmaj vendistoj de la strata gazeto Hinz&Kunzt montros la alian flankon de la prospera urbo.

*Laŭ artikolo de Detlev Brockes, kunlaboranto de Hinz&Kunzt.*

Re al Esperanto en Hamburg